# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 29/11/2013 Cent kvardekunua Eldono 29/11/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Propaganda sekcio

# SBS elsendis pri Esperanto

## ‚The most successful made-up language‘



4 minuta 27 sekunda programeto





Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.

Mi vidis ĉe SBS la 27an de novembro 2013 10 ptm Bonega! **Klaku sube**

http://www.sbs.com.au/thefeed/blog/esperanto-most-successful-made-language Nicole sendis la ligon



Mi revenis hejmen la 27an de Novembro, ĝustatempe por vidi SBS

Roger Springer



Pasintan Dimanĉon mi estis malpermesata elsendi retmesaĝojn el Ĉinio pro mia elsendo de AE al multaj ricevantoj. (Spam ??) Do kelkaj mesaĝoj devis atendi 4 tagojn ĝis kiam mi reenvenis Aŭstralion por esti elsendataj…

# Lilli Giloteaux, la patrino de Nicole Else, forpasis la 25an de Novembro 2013.





Gepatroj de Nicole,foto de 1986

Mia patrino naskiĝis en 1924 en Germanio, plurajn jarojn post kiam miaj geavoj eklernis Esperanton. Ŝi estis la plej aĝa el tri filinoj. La familio parolis kutime germane, sed dum unu tago semajne la tuta familio parolis Esperanton. Tamen kiam Hitler regis, la familio haltis uzi Esperanton. Post la dua mondmilito ili ree okupiĝis pri Esperanto kaj mia patrino komencis vojaĝi al Esperanto-renkontiĝoj.



Mia patro militservis en Berlino kaj renkontis mian avon, kiu diris, ke li havas 3 filinojn, kiuj kapablas paroli Esperanton kaj ankoraŭ ne estas edzinoj. Tio kaptis la intereson de mia patro kaj li konatiĝis kun mia patrino. Post kelkaj jaroj ili decidis geedziĝi kaj mia patrino translokiĝis al Francio. Iom poste mi naskiĝis. Mia patrino tre ŝatis vojaĝi al Esperanto-renkontiĝoj kaj al montaro. Ŝi tre ŝatis longe piediri kaj kutime kunprenis paperon kaj akvarelojn por pentri.

Ŝi ŝatis la naturon kaj aparte interesiĝis pri arboj. Ŝi verkis terminologiajn librojn pri arboj. Ŝi mem desegnis la arbojn kaj skribis la nomojn de la arboj en pluraj lingvoj inkluzive de Esperanto. Ŝi ankaŭ foje ŝatis verki poemojn kaj ilustris poemlibrojn verkitajn de la nederlandano Leen Deij.

Miaj gepatroj ofte vizitis nin en Sidnejo. Mia patrino tre ŝatis la maron kaj ŝi ŝatis viziti Esperantistojn en Manlio kaj en la Centra Marbordo. Plurfoje miaj gepatroj partoprenis en aŭstraliaj Esperanto-somerkursaroj. En Eŭropo ili partoprenis multajn renkontiĝojn. Kvankam mia patrino ja ĉeestis plurajn universalajn kongresojn, ŝi kutime preferis malpli grandajn renkontiĝojn. Ŝia sano estis bonega ĝis la aĝo de 89 kiam ŝi malsaniĝis. Post kelkmonata malsano ŝi forpasis la 25an de Novembro 2013.

**LA NOVAĴLETERO DONAS SIAJN KONDOLENCOJN AL NICOLE DUM ĈI TIU MALFELIĈA TEMPO**




**<u>poemo verkita de mia patrino</u>**

Se mi havus la talenton
min esprimi poezie,
ne hezitus mi momenton
por ekverki vortebrie.

Per poemoj flue glataj,
kiuj kantas harmonie,
mi, per vortoj delikataj
vin salutus melodie.

Per novelo absorbanta
mi volonte vin regalus.
Kaj per stilo eleganta
kun Valano mi rivalus.

Sed, ho, mankas rimosento
kaj florriĉa fantazio,
mankas lingva kompetento,
-do- finfine mankas ĉio.

**Unu paĝo el libreto verkita de mia patrino**

# 10. Lingvaĵo iom pli pri La Predikato. A.



Same kiel la Subjekto, la Objekto, kaj la Adjektoj, la Predikato estas en la lingvo difinita parto de Propozicio. Ĝi lingve reprezentas tiun parton de bildo (ekz. pentraĵo), kiu indikas la ago(j)n. Ĝia funkcio do estas montri, kion faras la Subjekto, aŭ tion, kio okazas al la Subjekto.

La Predikato konsistas el almenaŭx unu Verbo, kiu estas la centra kerno de ĉi tiu Propoziciero, kaj kiu havas unu el la verbaj finaĵoj –as, -is, -os, -us, kaj –u. Ĝi povas enhavi pli da verboj, kiuj tiam devas finiĝi per la duonverba finaĵo –i. Ekz. “Hodiaŭ matene ni NAĜIS”, kaj “Hodiaŭ posttagmeze ni POVOS NAĜI”, kaj “Ni certe DEVOS POVI ENIRI”. Ĉi tiaj predikatoj estas nekomplikaj kaj konsistas nur el verboj. Ni unue diskutos ĉi tiajn relative facilajn predikatojn, kaj post tio la komplikajn kaj malfacile kompreneblajn predikatojn, kiuj multe pli malfacilas kompreni ol ekz. la Akuzativo aŭ la Refleksivo aŭ la Medialo. Sed antaŭ ĉio ni

unue klarigu kelkajn karakteraĵojn de la Predikato ĝenerale.

Marcel Leereveld

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





## LITERATURA KONKURSO!



Ni akceptos konkursaĵojn (bv. atenti la vortlimon de 1500 vortoj) ĝis la 25-a de decembro. La premioj estas vere gajnindaj! $300, se vi ĉeestos la kongreson en Kanbero januare, $200 se vi ne ĉeestos, estas la unua premio. Sendu vian konkursaĵon kiel alkroĉaĵon (attachment) al Bob Felby ĉe <esperantobob@bigpond.com> sen via nomo. Nomu vin nur en la akompana letero.

Amike, Trevor

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

Kara esperantisto,

La Aŭstralia Esperanto-Asocio (AEA) ŝatus inviti vin al nia venonta kongreso/somerkursaro en Kanbero inter la 3-a kaj la 12-a de Januaro 2014.

Ni klopodis organizi interesan, pozitivan, allogan kaj memorindan eventon.

Kelkaj ĉefaĵoj estos:

- Tri klasoj je diversaj niveloj
- Partoprenantoj el Germanio, Hungario, Indonezio, Koreio, Nepalo, Novkaledonio, Vjetnamio
- Lingva Festivalo
- Variaj, stimulaj prezentadoj kaj diskutoj
- Ekskursoj gvidataj de kanberanoj
- Amuzaĵoj kaj ludoj.
- Ekscitaj diskutoj dum la AEA jarkunveno (ekz. Ĉu ni restu kompanio?



Kontrolu la kongresan retpaĝon.

Kaj kial vi ne mem prelegu, prezentu aŭ gvidu grupon aŭ diskuton?

Mi tre esperas vidi vin en Kanbero en Januaro 2014.

Plej amike, Sandor (AEA prezidanto) 2013-11-18

P.S. Se vi ne jam estas AEA membro, bv ankaŭ pripensi aliĝi al AEA.

## La 45-a Korea Kongreso de Esperanto




Karaj,
Mi vizitis la 45-an Korean Kongreson de Esperanto kaj dezirus raporti pri ĝi.
" De la 26-a ĝis la 27-a de okt. 2013, la 45a Korea Kongreso de Esperanto (KKE) okazis en la urbo Incheon, kun la kongresa temo 'Esperanto kiel dumviva lernado'. En ĝi partoprenis 143 esperantistoj el 6 landoj (133 koreoj, 4 ĉinoj, 3 japanoj, 1 hungaro, 1 aŭstraliano, 1 ruso) inkluzive de 2 elementlernantoj, 44 supermezlernantoj kaj 9 studentoj. Kaj estis prezentitaj jenaj programeroj: 1 Simpozio, 2 Kongresaj Universitatoj, 8 Fakaj kunsidoj, Rapida elementa kurso de Esperanto, Ĝenerala kunsido de KEA-deputitaro, Aŭkcio, Ekzameno kaj Ekskurso.

En 2 Kongresaj Universitatoj, prelegis prof. MARKUS Gabor pri la temo 'De Nanzan ĝis Namsan kaj plu' kaj d-ro KAWANISI Teturou pri la temo 'Historio de reforma movado de Esperanto'. Kaj laŭ sia intereso partoprenantoj ĝuis 8 Fakajn Kunsidojn: Amuza lando de Esperanto (MA Youngtae), ILEI-Koreio (PARK Yongsung), Lingvo de Espero, persekuta historio de Esperanto (CHOI Manwon), Esperanto-Domo en Sidnejo (Dmitry LUSHNIKOV), Matena Meditada Jogo (AVDEEF Mikhai), Kristanismo (MA Youngtae) kaj Ŭonbulismo (OH Soonmo).



Por Incheon la okazigo de la korea kongreso estis la unua provo. LKK-anoj povis bonorde gastigi la kongreson. De tio mi sentis pli profundan amikecon de koreaj kaj eksterlandaj esperantistoj."

Amike, Dmitrij



# Polaj Vizitantoj

Venu al Esperanto-domo en Sidnejo dimanĉon la 1an de decembro por konatiĝi kun Tadeo Ejsmont kaj lia edzino Halinka, polaj esperantistoj kiuj estas en Sidnejo por 2 monatoj. Sur la foto estas Tadeo kun filo.
Sendis Nicole

## Angla radia programo pri Esperanto



http://rtrfm.com.au/story/talk-the-talk-esperanto/
Amike, Nicole

# Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 28a Novembro 2013 Punimposto por kontraŭbatali tropezon
http://esperantaretradio.blogspot.com.au/2013/11/punimposto-por-kontraubatali-tropezon.html



Meksiko entreprenas drastajn paŝojn por kontraŭbatali la tropezon kiu furoras en la tuta lando. Sur nutraĵojn kiuj havas aparte altan nivelon de kalorioj oni metas punimposton. La epidemio laŭ ekspertoj estas minaco por la estonteco de la lando.

Kiel ankaŭ en aliaj industriaj landoj en Meksiko la homoj ŝanĝis la manĝokutimojn kaj nun konsumas pli kaj pli da rapidvoraĵoj kiuj enhavas multe da graso kaj multe da sukero. Pro tio daŭre kreskanta nombro da homoj suferas je tropezo. Laŭ indikoj de UNO 70 procentoj de la plenkreskuloj kaj 30 procentoj de la infanoj kaj gejunuloj en la nordamerika lando estas tro pezaj, ĉiu deka plenkreska meksikano estas diabetulo. Laŭprocente tiel en Meksiko pli da homoj estas tro pezaj ol en Usono kiu estas fifama pro tio .

Nun la meksika ŝtato volas kontraŭbatali la tropezon per punimposto sur rapidvoraĵoj kaj sukeraj limonadoj. Decidas pri tio la energidenseco de nutraĵoj. De pli ol 275 kilokalorioj por 100 gramoj surmetiĝas la imposto de 8 procentoj.

"Vide al vera epidemio de tropezo kaj obesito ni ne simple povas meti niajn brakojn antaŭ la bruston", diris prezidento Enrique Peña Nieto kelkajn horojn antaŭ la decida voĉdonado en la meksika parlamento. Li konsilis al siaj samlandanoj kuri pli, laŭiri ŝtuparojn kaj praktiki sporton ĉiutage almenaŭ dum unu horo. Krome la prezidento

anoncis tutan serion da kontraŭpaŝoj, ekzemple edukajn iniciatojn, novajn etikedajn preskribojn kaj sportajn programojn ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

# Internacia Esperanto-Muzeo en Ĉinio

Karaj samideanoj,

Internacia Esperanto-Muzeo en universitato de Zaozhuang en Ĉinio havos sian solenan inaŭguron la 16-an de novembro en 2013, kaj mi esperas ricevi viajn gratulojn kaj kontribuojn.

La muzeo estas konstruita de Ĉina Esperanto-Ligo kaj Universitato en Zaozhuang kaj okupas 680 kvadratajn metrojn kun 26.000 kolektaĵoj.

Sincere via Sun Mingxiao, retadreso: semio@163.com,
respondeculo de la muzeo kaj delegito de UEA en Zaozhuang

# Projekto pri Ĝemeliĝo

Kara amiko:

mi kunsendas nian projekton por ke ili legu ĝin. Tio profitas al nia movado kaj fortigas nian lingvon per interŝanĝo, tio estas kulturinterŝanĝo inter niaj kluboj, legu bone kaj mi petas vian opinion. Mi pensas en la estonteco kaj la agado de nia movado, tio estas grava afero

El Kubo amike Alexander Martínez Aguero <alexander@embergrm.alinet.cu>

## AMIKECA INTERKONSENTO PRI KUNLABORO.

Granma Esperanto- Filio el Kubo kaj la Esperanto-klubo de **(la nomo de via klubo)** el **(via lando)** , ĉi kune konsentas pri kunlaboro kaj kultura interŝanĝo.

**Ni deklaras**, ke ni vidas en Esperanto internacian lingvon, kreitan por prezenti ponton de komunikiĝo, komprenon kaj ambaŭflankan kunlaboron inter homoj de bona volo kaj ni konscias pri ĝia historia signifo por solidareco, justeco kaj progreso por ĉiuj.

**Ni konsentas** la grandajn eblecojn kiujn la Esperanto movado prezentas por ekonomia, socia kaj kultura evoluo de la popoloj kaj por ĉiu homa progresado.

**Ni konscias,** ke la granda nombro kiu konsistigas tiun movadon povas ankoraŭ pli grandiĝi en vasta plureco kun la fundamenta celo pere de Esperanto konservi la identencon de niaj popoloj kaj la rajton je

demokratia kaj kultura evoluo.

**Ni pensas**, ke la uzo de Esperanto formas solidan bazon por la starigo de ambaŭflankaj, internaciaj rilatoj, ankaŭ profesiaj kaj ke tio malfermas pordojn al futura interŝanĝo da informoj sen pro tio oferi la kulturan karakteron de niaj socioj.

**Ni deziras** kontribui al larĝa internacia kunlaboro inter niaj organizoj kaj donas la manon al aliaj kun similaj celoj.

**Ni memor-tenas**, ke Esperanto kiel dua lingvo plilarĝigas la intelektajn horizontojn, ĉar ĝi permesas rektajn kontaktojn kun la enloĝantoj de aliaj popoloj, kun scienco kaj kulturo ĉe aliaj nacioj kaj faciligas trovi amikojn en ĉiuj kontinentoj.

**Ni konvinkiĝis**, ke niaj organizoj eklaboros por pli fortaj ligoj de amikeco inter ni, kiu ja estas ĉefa celo de nia gefariĝo.

Do ni konsentas pri la jenaj punktoj:

### Unua Interkonsento

La partoj prenas sur sin akcepti la kunlaboron inter esperantistoj, interŝanĝante korespondadon per ĉiuj disponeblaj rimedoj, celantaj plifortigi la amikajn ligojn dum ambaŭflanka respekto.

### Dua Interkonsento

La esperantistoj en Bajamo, Granmo, Kubo, ofertas siajn samideanojn el **(via lando)** bone ricevi, loĝigi kaj komfortigi ilin je iliaj vizitoj kaj tiel montri, ke ni persone amike rilatas.

### Tria Interkonsento

La esperantistoj en Granmo ĝis kiom ekzistas rimedoj transsendos informmaterialon (hispana kaj esperantlingva) pri nia lando kaj precipe de nia provinco Granma. Ni proponas ankaŭ kunlabori kun la klubo **(la nomo de via klubo).**

### Kvara Interkonsento

La esperantistoj de Bajamo interŝanĝos vizitojn en **(via lando)** ĝis kiom oportunas kaj eblas financi je invito de via parto.

### Kvina Interkonsento

La anoj de la Esperanto-klubo de **(la nomo de via klubo).** proponas al siaj samideanoj de Granma Esperanto-Filio amikecajn rilatojn kaj spiritan gastamon.

### Sesa Interkonsento

La esperantistoj de la Esperanto-Klubo **(la nomo de via klubo)**.sendos laŭ la eblecoj al siaj amikoj en la Filio esperantista de Granmo oficejan materialon, esperanto-literaturon, paperleterojn kaj aliajn, ankaŭ proponas disvastigi niajn kontaktojn al aliaj kluboj.

### Sepa Interkonsento

La Esperanto-klubanoj de **(la nomo de via klubo)** faros ĝis kiom eblas vizitojn kune kun familianoj en Bajamo je invito de la kubanoj.

### Oka Interkonsento

Ĉi- tiu kontrakto povas ampleksiĝi, se la partoj tiel deziras kaj validas dum daŭre ĉi bonaj rilatoj.

### Naŭa Interkonsento

Ĉi- tiu kontrakto validiĝas ekde de la dato de interŝanĝo de subskriboj de la dokumento en versioj esperanta, **via denaska lingvo** kaj hispana lingvoj.

**Via urbo**, la _an de Novembro 2013 Bajamo M.N., Granmo, la ___an de Novembro 2013

El **(la nomo de via klubo)**. El Granma Esperanto- Filio

Nomo de la prezidanto Nomo de nia prezidanto

Prezidanto Prezidanto

## Vortoj de "Lernu"

SPEKTI
Atenti per la vido kaj aŭdo tion, kio estas prezentata:
Hieraŭ ni spektis tre interesan filmon.
La spektaĵo estis spektinda ne nur pro belaj dekoracioj, sed ankaŭ pro bonaj aktoroj.
Ŝi estas spektema knabino - ŝi amas rigardi ĉion, kio okazas en diversaj lokoj.
Multegaj spektantoj venis al la koncerto.
La spektaĵo tre ridigis la spektantaron.
Mi ĝojas, ke mi iris al la festivalo - ĝi estis vere spektinda.
Tio estas la plej bona retrospekta (rilata al la pasintaĵoj) ekspozicio, kiun mi iam vidis.